# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
9-a jaro N-ro 1 (32) aprilo 2010

**Plua konsidero de KEK al esperantisto de ĝemelurbo**

**Kolekto por la 20-a jara jubileo de "Esperanto en Azio"**

**Agadoj de kelkaj urbestroj**

**Historio, Esperanto-movado kaj ĝemelurboj de Havano**

**Du gratulaj leteroj**

**Kovrilfoto: Hans Fechler**

NOVAĴO

## Plua konsidero de KEK al esperantisto en ĝemelurbo

Pasintjare la 57-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo (KEK) en Japanio invitis samideanojn de la ĉina ĝemelurbo Changzhou de la kongresurbo Takatsuki, sed tio ne realiĝis pro novtipa gripo. Ĉi-jare la 58-a KEK plue konsideras tian inviton al esperantistoj en ĝemelurbo de la kongresurbo. La oficiale invitota esperantisto estas s-ro WANG Tianyi el la ĉina ĝemelurbo Xi'an de la kongresurbo Nara. Li en nomo de ĝemelurbo faros prelegon ne nur por esperantistoj, sed ankaŭ por urbanoj. S-ro Oki Keimei, esperantisto el Kobe, kiu bone scias pri Japanio kaj Ĉinio, estis invitata kiel interpretisto por lia prelego. Certas, ke aperos kunlaboro inter ĝemelurbanoj dum la kongreso.

Tahira Masako

## La projekto en Jara Plano de VEA

Plano de VEA (Vjetnamia Esperanto-Asocio) por 2010 konsistas el kelkaj partoj, inkluzive de Informado, trejnado, Junularo, eldonado, movado kaj popola diplomatio, i.a. popola diplomatio detalas: akceli kontakton kun Val de Marne (Francio) por establi kontakton inter esperantistoj de Dong-Da-distrikto kaj Choisy-le-Roi,kadre de la projekto Ĝemelaj Urboj.

el raporto Nguyen Xuan Thu en n-ro 66 Esperanto en Azio, 2010

## Speciala kolekto por la 20-a jara jubileo de "Esperanto en Azio"

2010 estas la 20-a jariĝo de "Esperanto en Azio", bulteno de Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado (KAEM). En majo 1990 ĝin iniciatis s-ro SO Gilsu el Koreio, tiama estrarano de UEA, kaj redaktis s-ro Joachim WERDIN, tiam fervora esperantisto el Pollando, kiu sub financado de UEA instruis Esperanton en kelkaj aziaj landoj inter 1988 kaj 1991. Mi gratulas tiun jubileon per speciala formo, aperigi informojn pri ĝemelurboj en la antaŭaj numeroj.




La vortoj Ĝemelaj Urboj plej frue aperis sur la paĝoj 21-22 de n-ro 8, 1992. S-ino Mila v.d. Horst-Kolinska el Nederlando akcentis du praktikajn uzojn por Esperanto- kurs-finintoj, unu estas Aŭskultado de Esperantoradio-dissendoj, la alia estas Ĝemelaj Urboj. Ŝi proponis tiel: se via urbo estas ĝemelita kun alia urbo, havu regulajn rilatojn kun esperantistoj en tiu urbo, same regule sendu informojn pri kontaktoj al viaj ĵurnaloj aŭ gazetoj. Se delegacio de via urbo vizitas ĝemelan urbon, provu troviĝi en ĝi kaj per kontakto kun esperantistoj de tiu alia urbo, montru la praktikan valoron de Esperanto, ekz. inter diversaj profesioj. Se via urbo ne havas tiajn ĝemelitajn kontaktojn, tiam provu ĝemeligi du klubojn, starigu fortajn ligojn kaj poste proponu ĝemeligon de la urboj.

Sur la paĝoj 7-9 de n-ro10, 1992 menciiĝis, ke ĝemelurba agado estis unu el la gravaj temoj de la kunsido "Azia Movado" dum la 5-a Pacifika Kongreso de Esperanto okazinta inter la 17-a kaj 22-a de aŭgusto 1992 en Qindao, Ĉinio. Tiun temon reliefigis prezentoj de

kelkaj kongresintoj el Japanio rilataj al Ĉinio, ekz. de forpasinta s-ro Takeuti Yosikazu pri la urboj Takatsuki kaj Changzhou, kaj de s-ro Egawa Harukuni pri la gubernio Wakayama kaj la provinco Shandong, kaj de s-ro Watanabe Tikara pri sia vizito al la ĝemelurbo Harbin de Nagasaki antaŭ la kongreso. Plue s-ro Doi Ĉieko en la kunsido diris, ke, kvankam Pusano (Koreio) kaj Jokohamo ne havis ĝemelan rilaton, tamen Esperanto-kluboj en ambaŭ urboj ĝemeliĝis antaŭ 3 jaroj, kaj agadis per reciprokaj korespondado kaj vizito, kaj interŝanĝoj de organoj. Kongresintoj el kelkaj lokoj en Ĉinio siatempe havis tian esprimon: serĉi kontakton kun ĝemelaj urboj, ekz. Liu Hongyuan el Nankino serĉis ĝemelan kontakton kun Esperanto-klubo en Nagoya en Japanio. Decido farita estis aperigi artikolojn pri tiu agado kaj prezenti Esperanto-klubojn kun tia serĉado en la bulteno.

Sur la paĝoj 3-4 de n-ro 22, 1995 aperis raporto pri la Ĝemelurba Junulara Kunloĝado inter Qingdao kaj Taegu okazinta inter la 30-a kaj 31-a de julio 1995 en Qingdao en Ĉinio, kiun 25 junuloj de Taegu-filio de Korea Esperanto-Asocio partoprenis. La kunloĝado estis enhavoriĉa, inkluzive de konversacio, leciono de Esperanto, ekskurso, prelego ktp. Kiel diris la mastro de la Taegu-karavano, la kunloĝado atingis multan fruktedonan sukceson.

S-ro Takeuti Yosikazu, la tiama prezidanto de KAEM, en sia raporto pri la 1-a Azia Kongreso de Esperanto, diris, ke estas rimarkinde, ke ofte okazis la renkontiĝoj de esperantistoj el ĝemelaj urboj. Anoj el kelkaj japanaj lokaj grupoj iniciatis havi renkontiĝon kun ĉinaj amikoj el sia ĝemela urbo. Ili jen alportis mesaĝojn de sia municipal magistratano, jen donacis sufiĉe da ekzempleroj da Esperantaj libroj nove eldonitaj. Tiuj linioj estis legeblaj sur la paĝo 5 de n-ro 25, 1996.

La bulteno publikigis sur la paĝoj 14-15 de n-ro 35, 1998 artikolon de s-ro Zhang Tiezheng el la urbo Suzhou en Ĉinio pri partopreno de li kaj siaj kolegoj en la 85-a Japana Kongreso de Esperanto. Ili kiel esperantistoj-reprezentantoj de la ĝemela urbo estis invititaj de JEI kaj Kanazawa Esperanto-Societo.

La projekto Ĝemelaj Urboj oficiale fariĝas unu el projektoj de KAEM post la 89-a UK kaj aperis sur la paĝo 22 de n-ro 48, 2004.

Karaj legantoj, mia kolekto celas ne nur gratulon al la 20-a datreveno de la bulteno Esperanto en Azio, sed ankaŭ tiun intencon, ke mi per tia formo volas plikomplete protokoli informojn pri Esperanto kaj ĝemelurboj tra ĝi. Tio plejprobable estos helpa al posteuloj, kiuj preparos sin por studi historion de Esperanto, precipe tiun temon, mi pensas. Mi kore esperas, ke vi povu prezenti ilin al mi, se vi scius la antaŭajn informojn aŭ fadenojn rilatajn al tiu temo. Mi kaj la projekto ne forgesos vin, viaj nomoj estos kune protokolataj kun tiuj informoj.

Laste mi omaĝas al tiuj samideanoj, kiuj kontribuis/as al la bulteno Esperanto en Azio.

La redaktoro

**Forpaso**

Profesoro Mauro La Torre (1946-2010), fidela leganto de Informilo de Ĝemelaj urboj kaj eksa prezidanto de ILEI, forpasis en la 25-a marto 2010 en la roma malsanulejo, Italio. Tristan kondolencon al li kaj liaj familianoj.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### 100-jara jubileo en Gliwice

Loka Esperanto-grupo ekfunkciis en 1909 en la pola urbo Gliwice, sed frue en 1905 tie (la tiama germana urbo Gleiwitz) vivis unuopaj esperantistoj. Inter la 6-a kaj 8-a novembro 2009 oni festis la 100-jaran jubileon de Esperanto per ekspozicio de la cent-jara Esperanto-movado, prelegoj pri kunlaboro inter Eŭropo kaj Afriko kaj pri la historio de la pola himno kaj aŭskultado de interesaj rakontoj.

Krome 40 esperantistoj el kelkaj polaj urboj kaj gastoj el la germana ĝemelurbo Dessau partoprenis la tradician renkontiĝon GRUPE-13 aranĝitan de la Glivicea filio de Pollanda Esperanto-Asocio. Indas mencii, ke la gastoj transdonis salutleteron de la urbestro de Dessaula al la urbestro de Gliwice, kaj ke unu el du filmoj spektitaj estis pri partnereco de la urboj Góra (Pollando) kaj Herzberg (Germanio).

El raporto de Stanislaw Mandrak en n-ro 2 Esperanto, 2010

### Gvidlibro de la amikeco



De la 22-a ĝis la 29-a de novembro 2009 kadre de la projekto "Gvidlibro de la amikeco" okazis la unua laborrenkontiĝo kun temo "Multvizaĝa Eŭropo" en la lernejo "Canko Cerkovski" en la urbo Polski Trambeŝ, Bulgario. La gastoj estis lernantoj kaj instruistoj el Francio, Pollando kaj Hungario. La lingvo de ilia interkomunikado estis Esperanto. Pere de ĝi la junaj homoj de ĉiuj partneraj landoj kaj iliaj gvidantoj trapasis la lingvajn barojn, kiuj ofte ekzistas inter la partoprenantoj en similaj okazaĵoj.

La partoprenantoj renkontiĝis kun s-ro Georgi Chakarov, la juna urbestro, kaj membroj de la urba konsilantaro (sur la tema foto ekde maldekstre la urbestro, la lernejestrino kaj vic-urbestro). Dum la renkontiĝo naskiĝis la ideo por peresperanta ĝemeliĝo inter Polski Trambeŝ kaj iu el la urboj-partneroj de la projekto. La gastoj havis la eblon viziti la urbojn Veliko Tarnovo, Pleven kaj Etara. La venonta laborrenkontiĝo okazos en majo 2010 en la urbo Lyon, Francio. Kun la temo "Eŭropo – pasinteco, estanteco kaj estonteco".

Raportita kaj fotita de Mariana Genĉeva

### Urbestro kaj Esperanta Memormuro

La 22-a Internacia Junulara Kongreso okazis en 1966 en la urbo Pécs en Hungario. Ekde tiam la urbo havas Esperanto-parkon. Lastatempe d-ro Páva Zsolt, urbestro de Pécs, kaj la urbestraro esprimis, ke ili permesas, eĉ subtenas la konstruadon de “Esperanta Memormuro” en la Esperanto-parkon. La inaŭgura festo estos aranĝata ĉirkaŭ inter la 22-a kaj 24-a de majo 2010.

G. Nagy Róber

## 100-jara Esperanto-jubileo en Herzberg, la Esperanto-urbo



Antaŭ 100-jaroj, la 10-an de marto en 1910, aperis gazetartikolo en la regiona gazeto Kreis-Zeitung, kiu alvokis al fondo de Esperanto-kluboj en la Suda Harz-montaro kaj anoncas kunvenon en Herzberg am Harz! La artikolo, kiu estis retrovita en la urba arkivejo, mencias ankaŭ la nomojn de konataj lokuloj. La 25-an de marto 2010 pro tio okazis festvespero en la urbodomo kun la ĉeesto de urbestro Gerhard Walter, lokaj politikistoj, reprezentantoj de Interkultura Centro Herzberg kaj s-ro Baitz, kies avo, s-ro Felix Baitz (vidu foton), estis unu el la fruaj Esperantistoj en Herzberg am Harz. Dum la vespero s-ro Baitz parolis pri sia avo, Peter Zilvar resumis la historion de Esperanto kaj parolis pri Esperanto-agado en Herzberg.

El la retejo http://esperanto-urbo.de

## Salutvortoj de la urbo Hildesheim*



GRUSSWORT

„PONTOJ" lautet der Titel dieser Informationsschrift in der „Welthilfssprache" oder „Sprache der Hoffnung" Esperanto, in's Deutsche übersetzt: „Brücken".
Brücken bauen wollte der Warschauer Augenarzt Ludwig Lazarus Zamenhof, der Esperanto im Jahre 1887 erfand; Brücken gebaut hat auch die Stadt Hildesheim mit der Begründung ihrer Partnerschaften und Pflege internationaler Beziehungen zu sechs Ländern.

Unserem Mitbürger Hans Fechler ist es gelungen, durch die Herausgabe und Redaktion von PONTOJ beides miteinander zu verbinden: die Artikel erscheinen in Esperanto und berichten aus den Partnerstädten. In dieser Ausgabe erstmals vertreten ist zu unserer großen Freude die italienische Stadt Pavia.

Wir danken Hans Fechler für sein Engagement und allen, die in dieser Schrift mit ihren Artikeln und Fotos vertreten sind. Den Leserinnen und Lesern von PONTOJ wünschen wir eine interessante und informative Lektüre, die Brücken baut von Stadt zu Stadt, von Land zu Land!

Mit freundlichen Grüßen

Dr. Ulrich Kumme
Oberbürgermeister

Dr. Konrad Deufel
Oberstadtdirektor

Salutvorto de la urbo Hildesheim
Salutas la ĉefurbestro D-ro Ulrich Kumme
kaj la ĉefa urbodirektoro D-ro Konrad Deufel

„Pontoj" estas la titolo de ĉi tiu informa broŝuro en la ...

“Pontoj” estas la titolo de ĉi tiu informa broŝuro en la Monda Helplingvo aŭ “Lingvo de Espero “ Esperanto, tradukita en la germanan lingvon: Brücken”.

Pontojn konstrui volis la Varsovia okulkuracisto Ludoviko Lazaro Zamenhofo, kiu kreis Esperanton en la jaro 1887; Pontojn konstruis ankaŭ la urbo Hildesheim per la fondado kaj flegado de siaj partneraj internaciaj rilatoj al ses landoj.

Nia kuncivitano Hans Fechler sukcesis kombini per la eldonado kaj redaktado de Pontoj jenajn du aspektojn: la artikoloj aperas en Esperanto kaj raportas pri kaj el la partneraj urboj. Je nia granda ĝojo en tiu ĉi eldono je la unua fojo estas reprezentita la itala urbo Pavia.

Ni dankas al Hans Fechler pro lia engaĝiteco kaj al ĉiuj, kiuj en tiu ĉi broŝuro kunlaboris per artikoloj kaj fotoj. Ni deziras al la gelegantoj de Pontoj interesan kaj informplenan legadon, kiu konstruas pontojn de urbo al urbo, de lando al lando.

Ĉefurbestro D-ro Ulrich Kumme

La ĉefa urbodirektoro D-ro Konrad Deufel

*PONTOJ estis revuo redaktita por la germana urbo Hildesheim kaj ĝiaj ĝemelaj urboj. La salutvortoj aperis en Pontoj 7 en 2003.

Urba stilo kaj trajto

## Havano, kongresurbo de la 95-a UK

## Urba historio

Havano estas ĉefurbo de Kubo kaj havas 2 400 000 loĝantojn. La nuna urbestro estas s-ro Juan Contino Aslán




En la jaro 1515 la hispana konkeranto Diego Velázquez de Cuéllar fondis urbon nomatan La Habana je la suda marbordo de la insulo. En 1519 oni movis la urbon al la nuna loko, kaj pro sia bona situo ĝi evoluis al grava havena centro. En 1607 Havano fariĝis la ĉefurbo de la hispana kolonio Kubo. En la jaro 1762 Britio okupis la urbon kaj ŝanĝis ĝin kontraŭ Florido. Kiam la hispanoj ĝin reokupis, ĝi ricevis la plej grandan fortikaĵon de Ameriko.

Dum la prohibicio en Usono Havano fariĝis grava feria centro por usonanoj. La noktaj amuzejoj kaj ludsalonoj ja transvivis la finon de la prohibicio, sed fermiĝis post la revolucio en 1959.

Nuntempe Havano estas la industria centro de la lando: Krom maŝinojn, vestaĵojn kaj kemiajn produktojn oni produktas tie ekz. cigarojn kaj rumon.

Vidinda estas la malnova urbocentro, kun siaj barokaj kaj novklasikismaj monumentoj. Ekde 1982 la Unesko subtenas la restaŭradon de tiuj ĉi valoraĵoj, kiel Monda Kulturheredaĵo.

## Esperanto-movado




La Esperanto Movado havis historion de pli ol 100 jaroj en Havano. D-ro Fernando Ortiz fundamentigis tiean movadon ekde marto de 1906. Oni povas diri, ke, kvankam la nomo de la Esperanto-organizaĵo de Havano kelkfoje ŝanĝiĝis, Havana Esperanto-Klubo, Havana Esperanto-Grupo kaj Havana Esperanto-Rondo, tamen la tiea poresperanta agado ludis gravegan rolon por stabiligi kaj akceli la tutlandan Esperanto-movadon en la pasintaj pli ol 100 jaroj, ekz. starigo de Societo Kuba por la Propagando de Esperanto (SKPE) post pereo de Kuba Esperanto-Societo (KES) en 1909, fondiĝo de Kuba Esperanto-Asocio post la aktiva laboro de HER, kaj okazigo de diversaj internaciaj Esperanto-aranĝoj, i.a. stando en Internacia Librofoiro ekde 1986, la 75a UK en 1990 kun la grava kaj signifa partopreno de ĉefkomandanto Fidel Castro en la solena inaŭguro kaj emisiitaj memorkoverto kaj poŝtmarko, la 6-a Tut-Amerika Kongreso de Esperanto en 2004 ktp.

Post 20 jaroj la UK denove venos al la bela Havano, t.e. la 95-a UK okazos de la 17-a al 24-a de julio 2010. Tieaj homoj estas atendantaj realigon de grava renkontiĝo. Ankaŭ mirigas ĉiujn la sukceso rilate ĉiudimanĉan E-elsendon de Radio Havano Kubo, kiu startis la 11-an de septembro 1988, oni povas ĝin elŝuti en la retpaĝo: www.ameriko.org/radiokubo aŭ viziti alian retpaĝon: www.radiohc.cu/esperanto. Okaze de la UK oni faros specialan elsendadon

ĉiutagan ekde la kongresejo mem. Estas informota la horaro tra reto.

**Ĝemelaj urboj**

Havano havas 30 ĝemelajn urbojn, t.e. La Paz en Bolivio; Santiago, Santo Domingo en Dominika Republiko; Belo Horizonte, Porto Alegre, Salvadoro, Sao Paulo, Santos,Vitoria en Brazilo; Glasgow en Britio; Manila en Filipinoj; Bogota, Cartegena en Kolombio; Beijing en Ĉinio; Oaxaca, Tijuana en Mexico; Esfahan, Tehran en Irano; Barcelona, Madrido, Toledo en Hispanio; Rotterdam en Nederlando; Cuzco en Peruo; Constanta en Rumanio; Sankt-Peterburgo, Moskvo en Rusio; Belgrado en Srebio; Istanbul en Turkio; Mobile en Usono kaj Caracas en Venezuela. Delegitoj de UEA estas troveblaj en nemalmultaj ĝemelurboj.

El http://eo.wikipedia.org kaj http://members.fortunecity.es

## Inter ĝemelaj urboj

En la pasinta jaro okaze de la 2-a Burunda Kongreso de Esperanto la prezidanto de LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) kaj la komisiito sendis gratulajn leterojn al la Nacia Asocio de Esperanto en Burundo kaj ĝia respondeculo samtempe en la 21-a de junio 2009 rilate al kunlaboro je interurba ĝemeliĝo. Nun mi aperigas ilin. —— La redaktoro

Estimata sinjoro SABIYUMVA Jérémie,

Kun granda ĝojo mi informiĝis, ke la 2-a Burunda Kongreso de Esperanto okazos inter la 10-a kaj 12-a de Julio 2009. Certas, ke ĝi estos grava kongreso por pliprogresigi kaj akceli la Esperanto-movadon en Burundio

Tamen ni vidas grandan progreson kaj atingitajn rezultojn de la Esperanto-afero kvankam Esperanto ne havas longan historion en Burundio. Kelkdek Esperanto-kluboj kaj nombroj da esperantistoj naskiĝis el senlaca laboro de la Nacia Asocio de Esperanto en Burundo (ANEB) kaj strebado de tieaj esperantistoj. Kio pliĝojigas nin estas, ke vi ne restas nur en disvastigo de Esperanto, sed samtempe vi turnas vian strategion al apliko de Esperanto. Ĝemeligi urbojn per Esperanto estas bona ekzemplo. Kaj tiucele ni, LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) estas prenita en vian konsideron. Al tio ni sentas honoron.

LEA fondiĝis en 1985 kun pli ol 200 membroj, sed en la provinco Liaoning Esperanto havos centjaran historion, kaj homoj, kiuj kontaktis kaj lernis Esperanton tra diversaj kursoj de LEA kaj sia filioj en urboj kaj gubernioj, atingis kelkajn dekmilojn, i.a. kiel vi bone scias Esperanto-instruado de LEA en altlernejoj estas modela en la mondo, ĉiujare pli ol 1000 studentoj elektas Esperanton kiel nedevigan studobjekton.

Reage al via konsidero kaj kunlaboro kun vi ni jam elektas la urbon Tieling, kiu havas bonan bazon de la Esperanto-movado, kiel urbon cele al ĝemeliĝo kun Rumonge en via lando. Kiel vi bone scias, tio nutras sin ne el hasto, sed el longa kun-penado kaj sindediĉo. Por realigi tion, ni speciale starigas labor-grupon konsistan el estraranoj de LEA kaj sia filio en Tieling. Ni jam kontaktas koncernajn departementojn de la urbodomo. Ni stabile kaj rapide antaŭpuŝos tiun proceson kiel eble plej kapable, por ke la du urboj frue ĝemeliĝu. Ni kredas, ke nia kunlaboro estos fruktdona.

Okaze de la 2-a Burunda Kongreso de Esperanto mi permesu al mi en la nomo de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio, kore gratuli la Nacian Asocion de Esperanto en Burundo kaj siajn membrojn, kaj bondeziri plenan sukceson al la kongreso!

Liu Zhengkun
Prezidanto de LEA, Ĉinio

Estimata Nacia Asocio de Esperanto en Burundo,

Mi plezure informiĝis, ke vi okazigos la 2-an Burundan Kongreson de Esperanto de la 10-a al 12-a de julio 2009. Ĝi estos signifoplena kongreso por la burundaj esperanstistoj.

La Esperanto-movado en Burundio estas juna, sed sindediĉo kaj amo de tieaj popoloj al Esperanto estas granda kaj arda. Leginte raporton "Instruisti en Afriko" de s-ro Johan Derks, aperintan en la Revuo Esperanto, organo de UEA, kio plikortuŝis min estas, ke tieaj samideanoj persistadas en lernado, instruado, disvastigado de Esperanto sub la malfacilaj kondiĉoj. El tio mi vidas estontecon kaj esperon de nia lingvo en Burundio kaj en tiu granda kontinento.

Unu homo devas havi spiriton batali por vivo kaj afero. Ankaŭ esperantistoj devas havi spiriton strebi por progreso de Esperanto. La faktoj pruvas, ke la burundaj samideanoj havas tian spiriton! Ili havas strategian konsideron kaj aktivan praktikadon por rapida kaj stabila evoluo de Esperanto en sia patrolando. Antaŭ tri jaroj s-ro SABIYUMVA Jérémie esprimis volon ĝemeligi Rumonge kun iuj urboj per Esperanto, informiĝinte, ke la projekto Ĝemelaj Urboj funkcias en UEA. En 2007 s-ro NTAHONSIGAYE Hassano arde pluesprimis tiun volon. Ĝuste pro tiu volo la Nacia Asocio de Esperanto en Burundo havas rilaton kun Liaoning-provina Esperanto-Asocio, Ĉinio. Ĉi-jare la du asocioj kunlabore elpaŝis gravan paŝon: Eklabori por ĝemeliĝo inter Rumonge kaj la urbo Tieling de Liaoning post serio da seriozaj kaj sistemaj laboroj (diskutoj, kontakto kun registaroj, elekto kaj konfirmo de la celaj urboj, preparo de dokumentoj ktp). Mi vere fieras kun la du asocioj, kaj ĝojas pro tio, ke la projekto povas ludi aktivan rolon tiucele. Mi elkore esperas, ke la duflanka kunlaboro estu fruktdona: la du urboj oficiale ĝemeliĝu! Mi atendas fruan alvenon de tiu tago!

Okaze de via kongreso mi kore gratulas la Nacian Asocion de Esperanto en Burundo, kore salutas la kongresanojn kaj kore bondeziras plenan sukceson al la kongreso!

La komisiito

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ro HORI Jasuo, estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj
Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de